


# INTERNACIA FERVOJISTO

1993.4

## E-K al GRANDA RAPIDO

**"ETR 500"**



## Redaktora babilo

Kongreso finiĝis, kaj kiel kutime ni krokizas iomete pri ĝia enhavo. Neniu dubo, ke la kon-1gresanoj travivis belajn tagojn. Ke la faka enhavo de niaj kongresoj kreskas, tio estas por iuj memkomprenebla kaj dezirinda afero, por aliaj eble plia instigo turisti. Tamen, se la turistemo infektas tro multajn partoprenantojn de certaj landoj, mankas al la kongresaj rezultoj gravaj partoj de la totala bildo.

La kreskanta nivelo de la fakaj prelegoj, la serioza laboro de la fakkomisionaj kunlaborantoj, la traktoj kun UIC pri terminara kunlaboro, la pozitiva diskuto pri la agadplano - ĉio tio aŭguras komenciĝantan oficialan agnoskon, kaj kun tio ekstrajn devontigojn sur la ŝultroj de ne tro granda membraro.

Bonvolu kompreni la seriozecon de la laboro de ĉiu unuopulo!

- - -

Oni petis kalendaron pri la redaktofinoj. Laŭ mia nuna prijuĝo tiel: por n-ro 1993.5: 20.08, por 1993.6: 20.10, por 1994.1: 01.01, por 1994.2: 20.02, por 1994.3: 20.03, por 1994.4: 10.06.

- - -

Bonan preparon por la aŭtuna laborsezono deziras

red

## Starigita komisiono por Esperanto en la italaj lernejoj

La itala taĝ̂urnalo "LA REPUBBLICA", (unu el la plej gravaj kaj legataj) publikigis en sia n-ro 106 la 6an de majo 1993 jenan artikolon, kiun tradukis kaj disponigis al ni ges-roj Gimelli:

"La studado de Esperanto eble eniros en la lernejojn: Ministro de Publika Instruado, Rosa Russo Jervolino, subskribis dekreton, kiu starigas "por la instruado, orientiga lernado, de lingvistiko en la elementaj lernejoj kaj de la internacia lingvo Esperanto en la aliaj italaj lernejoj, de ĉiuj ordenoj".

"Estas necese instigi la lernantojn de la elementaj lernejoj akiri plian lingvan kapablecon pri pli facila profundigo en la fremdaj lingvoj", estas skribite en la protokolo, kiu akompanas la dekreton, "pro tio estas oportune programi intervenojn por promocii la internacian lingvon Esperanto".

Pri la neceso disvastigi Esperanton, estis jam parlamenta demando de la deputito Elio Vito (de la listo Pannella). Kontraŭ la "Babelo" de la lingvoj en la Eŭropa Komunumo estis ankaŭ propono (fare de sveda profesoro Birgher Bergh) adopti la latinan lingvon en EK." ■

---

**Frontpaĝo:** Ek al granda rapido, titolo de ĉefa fakprelego dum la 45a IFK, kaj ankaŭ speco de sprono por nia faka laboro!

## Enhavo:




## 45a IFK, kongreso de suno, salmagazeno kaj surprizoj

Kaj kompreneble de multo alia.

Suno brilis la tutan semajnon super la ŝvitantaj kongresanoj, kiuj tamen spertis agrablan klimaton en la kongresejo – iama salmagazeno el la 17a jarcento. "Estas vere, ke mi longe kaj kritike rigardadis la eksteran kaj internan aspektojn de la konstruaĵo, kiu estu la renkontejo por la gekongresanoj dum 7 tagoj", raportas unu el la 469 partoprenintoj. Ili venis el 24 landoj.

Surprizoj estis pluraj. La nomigo de tri ZEOj dum unu aranĝo estas menciita aparte. La vesperaj artaj programoj estis ĝenerale altnivelaj, kaj la akustiko de la salmagazeno taŭgis por la prezentaĵoj. "Por mi kiel muzikamanto estis agrablaj la diversaj muzikprogramoj, tamen ne plaĉis al mi kaj aliaj la troa uzado de la itala lingvo kaj en programslipoj kaj en anoncoj tra mikrofono, eĉ laŭtlegado de la distribuitaj slipoj. La parte esperantlingva vespero kun kantisto Smyčka almenaŭ montris, kion kapablas nia lingvo ĉi-rilate. La subĉiela koncerto donis okazon babili en amika rondo. La ĥorkoncerto estis, precipe en la dua parto, elstare valora" (opiniesprimo de alia kongresinto).







"Ni rimarkis multe da afiŝoj, anoncantaj itallingve la kongreson", kaj la afiŝoj invitis la ĝeneralan publikon al partopreno de la kulturaj aranĝoj. Ne tre multaj akceptis la inviton, kaj eĉ se tio estus okazinta, estus des pli da kaŭzo anonci en la lingvo de la kongreso!

Neplenumitaj promesoj de la urbaj instancoj kaŭzis i a, ke la Interkona Vespero estis senlikva – almenaŭ en kongresejo, sed multe da helpo kaj apogo fare de DLF (la libertempa organizaĵo de la itala fervojo) plene superis la makuletojn, kiujn apenaŭ registris la kongresanoj.

"Agrablaj estis la ne tro longaj busveturadoj" dum la ekskursoj, sed "dum la tuttaga ekskurso la tro longa manĝado forprenis necesan tempon por konatiĝi kun la alloga pejzaĝo", kaj la gvidanta pelado malebligis al la ekskursantoj aĉeti en Faenza cindrujojn kun verda kvinpinta stelo, kiun ekspoziciis kune kun la kongresa emblemo pluraj ceramikvendejoj. "Laŭdon meritas la organizantoj de la kongresaj ekskursoj, kvankam estas klare, ke ankaŭ tiurilate ne eblis trafi ĉies guston. Mi persone sentis la mankon de paŭzo por iomete refreŝiĝi aŭ eĉ viziti necesejon dum la posttagmeza ekskurso al Ravenna".

Sufiĉe impona oficialularo ĉeestis dum la Solena Malfermo de la kongreso. La internacie plej grava, kasisto de FISAIC, s-ro Jakob Tschanz alparolis la kongreson en perfekte elparolata Esperanto, kaj li restis plurajn tagojn por sperti la etoson de la kongreso. Supozeble li hejmenportis pozitivan impreson, kvankam oni donis al li ne tre elstaran pozicion dum la inaŭguro.


La kongresejo

De la centra DLF en Romo partoprenis - la tutan semajnon - dr-ino Tiziana Locatelli kaj s-ino Irina di Giulio. Ilia impreso estas grava por la Esperanto-laboro en Italio.

Salutis ankaŭ urbestro de Cervia, s-ro Massimo Medri, prezidanto de DLF de Bologna, d-ro Lino Caputo kaj direktoro de la Fervoja Departemento de Bologna, inĝ Gianpietro Monfardini, antaŭ ol prezidanto de IFEF, s-ro Per Engen deklaris la kongreson malfermita.

"La internacia balo ne estis balo, sed ordinara diskoteko", kaj la tri kongresbultenoj estis malampleksaj, ankaŭ laŭenhave.

Ampleksaj, gravaj kaj interesaj estis la fakaj programeroj. "La kunigo de TK kaj FAK estis grava paŝo por konservi la nivelon de nia faka agado. Ĉio nun dependos de la gvidantaro kaj ties metodoj". Legu aliloke pri tiu temo.

"La estraro, la komitatanoj kaj la membroj de TK kaj FAK sufiĉe multajn horojn pasigis en kunsidoj. Tio estas en ordo. Sed dum la nunjara kongreso la antaŭkondiĉoj por labori en trankvila ĉirkaŭaĵo bedaŭrinde komplete mankis, ĉar la komisionoj devis kunsidi en la sama halo kie estis instalita la libroservo, kiun (feliĉe) seninterrompe vizitis gekongresanoj. Starigitaj nigraj tabuloj, kiuj estus devintaj ŝirmi kontraŭ la bruo, ne atingis la deziritan efikon".

Ĉefa faka prelego, fakaj prelegoj kaj aktualaĵoj bonsukcesis, kvankam ankaŭ ili suferis la mankon de taŭgaj helpiloj. Legu resumojn aliloke en ĉi tiu IF.

Multon, multon ni ne povas raporti aŭ priskribi, ĉar kvankam la redakcio petis helpon de la landaj asocioj pri iliaj impresoj de la kongreso, ne ĉiuj liveris, sed ni dankas al tiuj, kiuj donis aŭ sendis, kaj erojn ni uzis (supre en citiloj).

La 36paĝa kongreslibro kun plurkolora kovrilo montras sur la fronto i a flavan leviĝantan el la maro sunon, kaj sur la malfronto la sinkantan ruĝan sunon. Finiĝis nia 45a, kaj jam en serioza preparo - ĉe LKK kaj en niaj pensoj - aŭguras la 46a en KREMS ĉe Danubo 13a-20a de majo 1994.



Kuko por la ekskursantaro ■

## Nova muzeo kun Esperanto-fako

La ĉiam aganta s-ro Jiří Pištora sukcesis enigi Esperanto-fakon en nove establita urba muzeo en Česka Třebová.
Por tion honori kaj por impresi al la urbaj instancoj, vi estu petata sendi salutkarton el via loĝloko al Méstské Muzeum, Esperanto-parto, CZ-560 02 ČESKA TŘEBOVÁ, Ĉeĥio.

## REKORDO

Dum la 45a kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF) oni inaŭguris **tri** ZEO-ojn. (ZEO = Zamenhof/Esperanto-objektoj). Temas pri granda placo, granda ŝtuparo kaj vojo.

**Piazzale Esperanto**
Vendrede la 11an de junio 1993 je la 10a horo skabeno pri sociaj aferoj de la urbo Cervia, s-ro Eugenio Cecchi, kaj la prezidanto de IFEF inaŭguris grandan placon/parkejon apud la stadiono je la nomo *Piazzale Esperanto*, kun klariga subtitolo Lingua Internazionale.

**Scalea Esperanto**
Dum la unua postkongresa ekskurso dimanĉe la 13an de junio 1993 oni en urbo Predappia solene inaŭguris larĝan ŝtuparon, kondukantan al la urba administrejo *Scalea Esperanto*. Impona ceramika ŝildo montras la nomon, kaj multege da homoj ĉiutage uzas la ŝtuparon.

**Via Esperanto**
Marde la 15an de junio 1993 la postkongresa ekskurso kondukis la partoprenantojn al Chioggia kaj Venecio. Dum ŝipveturo inter tiuj du lokoj oni albordiĝis sur la insulo Lido, proksime al Malamocco, kie oni inaŭguris straton ĉe loĝkvartalo *via Esperanto*.

Ni dubas, ĉu en iu antaŭa aranĝo estis inaŭguritaj same multaj ZEO-oj, kaj ni fieras kune kun niaj italaj kolegoj, ke ili sukcesis en tiu rilato. Ŝajnas, ke LKK vere trovis la ĝustajn butonojn por efektivigi tiun unikan situacion krei tri daŭrantajn simbolojn de la IFEF-kongreso. ■








**FERVOJA KORESPONDA SERVO**
S-ro Germano GIMELLI, Via Creti 61,
I-40128 BOLOGNA, Italio.

Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.
Aldonu se eble internacian respondkuponon. Se tio ne eblas, aldonu poŝtmarkojn vendeblajn en Italio.

**Fervojaj Terminaroj**
En 1989 aperis *Fervoja Terminaro en Esperanto*, la konata suplemento al LG IV. Nun komencas aperi la *Naciajn Terminarojn*. En 1992 aperis Esp-hungara kaj hungara-Esp (en 2 volumoj), en Cervia kelkaj el ni vidis Esp-italan/italan-Esp, kaj Esp-germana/germana-Esp aperis en aprilo 1993. Ĉi-lasta estas aĉetebla ĉe Dieter Hartig, Kasseler Str 76, D-28215 Bremen. Po 19,50 DEM, je 3 po 17,50 DEM.

## Anonco

Danke al la asesoro de la Kulturo de DLF de Bologna s-ino Valeria Mucciarelli, la "Grupo Fotoarto" starigis foto-servon dum la inaŭguro de nia 45a IFEF-kongreso en Cervia. Bedaŭrinde ne eblis montri la fotojn dum la kongreso, sed mi vidis ilin kaj konstatis ke ili estas tre belaj.

Do, se iu el la kongresanoj deziras havi tiujn fotojn, skribu al "Circolo Culturale DLF" aŭ rekte al mi pri la mendo kaj sendu la koncernan monon per poŝto en la poŝta konto n-ro 19336403 de IFEA, Via de' Poeti 5/2, I-40124 BOLOGNA.

Prezo de unu foto (formato 10 x 15 cm) estas 1000,- italaj liroj.

Se eble mendu grupe, tial ke ni ŝparos monon, unuope aldonu 1000 italajn lirojn por afranko.

La plej granda parto de la fotoj estis faritaj en la salono de la kongresejo (Magazenoj de la Salo-Turo) dum la inaŭguro kaj en la Centra Placo de Cervia okaze de la oficiala fotado (farita de la fotisto de la balkono de la urbodomo).

\- - - - - -

Estas haveblaj ankaŭ bildkartoj kaj kovertoj kun la du porokazaj oficialaj poŝtstampoj (pretigitaj de "Filatela Grupo"), je la prezo de po italaj liroj 2000,- por peco.

Mendu kaj pagu ankaŭ tiujn filatelaĵojn je la samaj antaŭe skribitaj adreso kaj poŝta konto.

Adreso de "Circolo Culturale DLF - Esperanto", Via Sebastiano Serlio, 25/2°, I-40128 Bologna.

Mia adreso: p.i. Germano Gimelli, Via Donato Creti, I-40128 Bologna.

## Muzika valoraĵo en Esperantujo

### Kantoj de l'popolo, prezentitaj de l'popolo

Ĉe la limo inter du kultursferoj situas la lando de la slovakoj. Kvankam ankaŭ ili devis agnoski la socian kaj industrian evoluon de la nuntempo, ili grandskale kapablis konservi la karakteron de sia lando, kiu en vastaj partoj konsistas el montaroj, arbaroj, herbejoj, riveroj. Ankoraŭ ludas rolon la naturo, ankoraŭ la homoj aplikas metodojn de la antaŭuloj, ankoraŭ sovaĝaj bestoj tie kaj tie vivas en la arbaroj. Kaj ankoraŭ la homoj ŝatas kanti siajn malnovajn kantojn, flegas la melodiojn kaj konas la tekstojn.

21 kantoj el tiu neelĉerpebla trezoro estis elektitaj kaj prezentitaj de elstaraj slovakaj folklora ensemblo kaj miksita ĥoro per muzikkasedo "Kantoj de l'popolo" kaj per samenhava kompakt-disko CD. Aŭdebla ankaŭ estas "fujaro", 1,50 m longa paŝtista flutego. Valoras aŭskulti tiujn en harmonio kaj enhavo allogajn kantojn el meza Slovakio, kiuj rakontas pri ĝojo kaj malgajeco, pri amo kaj doloro, pri beleco de la lando kaj fiero de ĝia popolo.

Al kasedo kaj CD estas aldonitaj la kompletaj tekstoj en lingvo Esperanto. Tradukis ilin la honora prezidanto de IFEF, Joachim Giessner, laŭ speciala metodo. Eldonis ilin KAVA PECH, Dobřichovice (Praha). Por ke ĉiuj esperantistoj, ankaŭ en orientaj landoj, povu aĉeti ilin, la prezo estas eksterordinare malaltaj, nome en okcidentaj landoj por la kasedo 10 DEM, por la CD 15 DEM, plus sendokostoj, pageblaj post ricevo; en orientaj landoj laŭ pagipovo (oni demandu ĉe la landa estraro).

Mendojn bv. direkti al KAVA PECH, Petr Chrdle, Anglicka 878, CZ-252 29 Dobřichovice, tel kaj fakso +42-2-201641 aŭ al Joachim Giessner, An der Nicolaischule 3, D-37412 Herzberg, tel +49-5521-4586, fakso 73313.

**Nova telefonnumero de la IFEF-prezidanto:**
La norvega telefonkompanio enŝovis ekstran ciferon, tiel ke la enlanda numero estas 8-cifera. Do: Per Engen, Store Presterudveg 35, N-2300 HAMAR, tel +47 62 52 97 59.

45a IFK

## Resumo de ĉefa fakprelego

## EK AL GRANDA RAPIDO

Ek de la komenco de tiu ĉi jarcento la fervoja mondo kaj la privataj fervojaj entreprenoj interesis sin pri plibonigo kaj invento de novaj lokomotivoj por atingi pli kaj pli grandajn rapidojn kaj respondi al merkatpostuloj.

Post la unua generacio de vaporlokomotivoj kaj la dua de dizelaj kaj elektraj, oni nuntempe vidas la trian generacion, tiun de granda rapido. Ĝenerale oni parolas pri "granda rapido" kiam trajno, pasaĝera kaj vara, veturas de minimume 160 ĝis 500 km/hore.

En Italio oni spertis rekordon je 203 km/h per la trajno E 200 sur vojaĝdistanco Florenco-Milano en la jaro 1939. En 1989 bone sukcesis ETR 450 t.n. "Pendolino" kun pasaĝervagonoj je pendolkesto, kiu atingis 250 km/h. Sed tiu trajno bedaŭrinde estas praktike nur por la elito, ĉar ĝi havas dek vagonojn sole de unua klaso kaj multe kostas.

La ideon realigi projekton por grandrapidaj fervojlinioj oni ekkomencis studi en 1986. La unua projekto antaŭvidas la konstruadon de 1.322 novajn kilometrojn da linioj, kiuj aldoniĝas al la aktualaj 16.066 kaj subdividiĝas en ideala "T" etendiĝanta laŭlonge de la itala duoninsulo: ĉeflinio okcidenta-orienta Torino-Milano-Venecio 420 km; ĉeflinio norda-suda Milano-Romo-Napolo 776 km; rapida linio Milano-Ĝenovo 126 km.

Tiu grandrapida fervojreto fariĝos la portanta akso de la nacia fervojsistemo kaj la natura plilongigo de tiu eŭropa.

La konstrulaboroj bezonataj inkluzivas 620 km da fervojdigoj/tranĉeoj, 155 km da viaduktoj kaj 182 km da galerioj/tuneloj.

Ĉio estas planata por atingi maksimuman komercan rapidveturon je 300 km/h. Pro tio la instalaĵoj konsistos el interŝanĝaj regejoj, trajntrafikregejoj kaj fervojnodoj koresponde al interligo kun ekzistantaj fervojoj.

La sistemoj de trajntrafikregado, la elektra signalado kaj funkcisekureco estos realigotaj per novaj teknologiaĵoj.

ETR 500 estas la unua itala trajno realigita de entreprena konsorcio: ABB Tecnomasio, Ansaldo Transportoj, Breda Fervojaj Konstruaĵoj, Fervoja FIAT. Ĝi veturos je pli ol 300 km/hore (maksimuma rapido), sed je 275 km/h (rapido de ekspluatado) ĝi kapablos trakcii 14 vagonojn kun 688 sidlokoj, kies 80% estas pasaĝervagonoj de dua klaso kaj 20% de unua klaso. Tiamaniere, kompare kun "Pendolino", ĝi bone kaj funkcie solvas la estontajn amasmoviĝojn aliloken. La veturtempoj preskaŭ duoniĝos kompare kun la nunaj, kaj oni prognozas akiri 14% de la vojtrafiko kaj 31% de la aviadtrafiko.

Oni bezonas 8 jarojn de 1993 ĝis 2000 por la plenumado de ĉiuj gigantaj konstrulaboroj, kaj ĉirkaŭ 40.000 miliardojn da liroj de investadoj.

Tiu ĉi plano estos ebla precipe dank' al la fakto, ke la instanco FS ĵus fariĝis Akcia Kompanio. Tio signifas, ke ĝi reguliĝas laŭ komercprivataj leĝoj. La ŝtato nun intervenas ne plu kiel proprietulo, sed kiel akciulo. Unuflanke "kiel gvidanto", kiu difinas, per koncesia kontrakto, la kondiĉojn per kiuj FS rajtas ekspluatadi la transportservojn; kaj aliflanke "kiel kliento", kiu aĉetas lokajn transportservojn cele certigi la daŭrigon de fervoja sociala servo.

Granda rapido estos direktata de Akcia Kompanio TAV (itale dirite: Treno Alta Velocità) por 60% da privata kapitalo nacia kaj internacia, kaj por 40% publika kun teknika gvidanta estro FS.

Konstrui grandan rapidon estas antaŭ ĉio financa problemo. Ke ĝi estas sistemo tekno-

logie ebla, tion demonstras jam de longe la pozitivaj rezultatoj de la fervojaj retoj japana, franca kaj germana. Sekve, bone agis kaj kondutis la italaj registaro kaj parlamento antaŭvidante en la plano kontrakta kaj en la ŝtata budĝeto por ĉi-jaro 1993 la voĉon "granda rapido". Krome provizante instrumentojn leĝajn kaj jurajn por estigi originalan kompanian modelon.

De la 29a de decembro 1992 la eksa instanco FS fariĝis "FS – Akcia Kompanio por Transportoj kaj Servoj" kun tempodaŭro ĝis la 31a de decembro 2100 kaj kun akcia kapitalo de 42.418 miliardoj da liroj.

Malgraŭ multe da polemikoj kaj kritikoj, kiuj lastatempe kaj ankaŭ nuntempe venas el la gazetaro, el ekologiaj medioj, el komitatoj de diversaj politikaj tendencoj, tri kialoj devus plenplene forigi dubojn kaj miskomprenojn pri la menciita projekto.

Unue, granda rapido estas vere infrastruktura integriĝo al eŭropa skalo.

Due, ĝi reprezentas por nia lando Italio veran industrian revolucion.

Trie, ĝi estas kompendio de fervojaj itineroj, kiuj estas certe pli avantaĝaj kaj konvenaj ol aliaj modalecoj. Fakte oni pripensu ke Italio havas apartan karakterizon: 60% de la loĝantaro situas en grandaj urboj, dum en Francio nur 20% loĝas en grandaj urbaj agregaĵoj, kaj en Germanio nur 23%.

De la itala granda rapido havas eblon sin proponi kiel servon kvazaŭ rapida metroo inter grandaj urbaj polusoj.

Fine, la realigo de la projekto por granda rapido estas la unuanura maniero, por ke la trajno povu ne nur iĝi pli kaj pli preferinda inter la diversaj trafikiloj, sed ankaŭ reakiri ekonomiecon kaj efikecon en Eŭropo, kie moviĝoj de personoj kaj varoj vertiĝdone kreskados.

---

## La ceteraj fakaj prelegoj dum la 45a IFK (resumoj)

### La feruta koridoro tra Svislando

Dum referendumo, okazinta la 27an de septembro 1992, la svisaj civitanoj aprobis per granda plimulto la kontrakton, kiun faris la svisa registaro kun la Eŭropa Komunumo, kaj, kiun ratifikis la svisa parlamento jam en aŭtuno 1991. Per tiu ĉi kontrakto Svislando sin devoligis konsiderinde pligrandigi la transportkapaciton de la surrela trafiko tra Svislando per la konstruo de du montbazaj tuneloj. Temas pri la projekto NEAT-AlpTransit, pri kio estis parolita dum la 44a IFEF-kongreso en Münster.

Sed, jam antaŭ la realigo de ĉi tiu projekto altrudiĝas por la svisaj fervojoj plibonigo de transportoferto. Pro tio la svisa registaro deklaris sin preta krei, kiel transiran solvon, tiel nomatan ferutan koridoron tra Svislando. La Eŭropa Komunumo akceptis ĉi tiun proponon kaj rezignis pri la postulo, Svislando kreu stratokoridoron por kamionoj ĝis 40 tunoj kuntara pezo.

Pri la rimedoj, kiun investos la svisaj fervojoj por realigi la ferutan koridoron raportas la prelego.

Kompilis en decembro 1992 Ernst Glättli

### Okcidenta ponto super Granda Belto

La okcidenta ponto – parto de la Storebælt-projekto (firma konekso trans la Granda Belto – por pere de pontoj kaj tuneloj ligi Fyn kaj Sjælland).

Fine de majo ĉi-jare oni muntadis la lastan 110 m longan betonelementon en la pli ol 6.600 m longa ponto inter Fyn kaj Sprogø. Por fari tiun duoblan ponton (la fervojaj pontelementoj kaj la aŭtoŝoseaj pontelementoj kuŝas sur propraj pilleroj) la inĝenieroj kreis plurajn specialajn maŝinojn i a Svanen (la cigno) fluanta, memmovebla gruo, kiu povas levi pli ol 6000 (sesmil) t.

Jan Niemann

**Ĉu la fervojo estas bruema?**

*J.Giessner*

La prelego temas ne ofte traktatan temon, sed tamen gravan. Ĝi estas bruo en fervojtrafiko. La aŭtoro rimarkas unuopajn fontojn de la bruo, kiu ekestas dum veturado sur reloj kaj priskribas ĝian malpliigon. Similaj problemoj ekestas ankaŭ dum funkciado de diversaj fervojaj instalaĵoj, lokomotivoj - elektraj aŭ dizelaj, grandaj ranĝostacioj ktp.

Al la batalo kontraŭ bruo sur fervojo sin dediĉas ankaŭ Instituto Internacia por Fervoja Esplorado, kiu starigis gravajn rekomendojn rilate ĉi tiun problemon.

Resumon preparis: Ing. Kovář L.

**ŽSR - Fervojoj de Slovakia Respubliko en la jaro nulo**

*Ing. Feifičová Magdalena*

La jaro 1993 estas por Fervojoj de Slovakia Respubliko vere jaro de la komenco de ĝia aktivado. Per dividiĝo de Ĉeĥoslovakio je du memstaraj ŝtatoj, dividiĝis ankaŭ la fervojo. Rigardante la teritorion de Slovakio kun fervojreto estas eble konstati, ke fervojlinioj ne estas en ĉiuj partoj de la lando en sama nombro. Troviĝas regionoj, kie fervojlinioj mankas ekz. nordorienta parto kaj male en sudokcidenta parto linioj abundas.

En nova politika situacio necesas konstrui novajn limstaciojn, precipe sur limo kun Ĉeĥa Respubliko kaj ankaŭ en tiuj partoj, kie antaŭe ne estis necese havi fervojan kunligon, ĉar ĝi ekzistas en alia parto de la komuna ŝtato. Tio temas kunligon kun Pollando.

La Fervojoj de Slovakia Respubliko planas ankaŭ pligrandigon de veturrapido sur ĉefaj linioj, kunligantaj ĉefurbon Bratislava kun Ĉeĥa Respubliko, kun norda Slovakio, kun orienta Slovakio kaj kun Hungario.

Resumon preparis: Ing. Kovář L.

**Traknivelaj pasejoj el filozofia vidpunkto**

Traknivelaj pasejoj prezentas potencialan danĝeron por uzantoj de ŝoseo. Per klopodo atingi la plej altan gradon de sekureco eldonante novajn kaj novajn preskribojn ĉu teknikajn ĉu ĝeneralajn la problemo nebuliĝas precipe por la ŝoseo-uzanto. En la prelego estas priskribita problemo, kiu aperis ĉe ĉeĥaj fervojoj akceptante decidon pri aktiva signalado je sekurigaj instalaĵoj sur pasejoj. Dum ĝia nefunkciado estas ties informenhavo tro vasta kaj tio misinformas uzanton de pasejo.

La kontribuaĵo ĉerpis el prelego de inĝ. Lochmann: *Filozofiaj problemoj de signalado en pasejsekurigaj instalaĵoj* prezentita dum seminario 16an-17an de marto 1993 en Pardubice.

L.Kovář

## Kio nova en la faka agado?

Fakaj dumkongresaj programeroj trovis jam firman lokon en la konscio de la partoprenantoj. Same ankaŭ dum la 45a IFEF-kongreso en Cervia havis la vizitantoj eblecon aŭskulti ĉefan fakprelegon prezentitan de d-ro Boschin kun temo tre aktuala, t.e. - granda rapido ĉe Italaj Ŝtataj Fervojoj. La prelegintο preparis sian kontribuaĵon serioze kaj kun profunda multscieco. Agrabla estis ankaŭ la fakto, ke kompleta prelego en formo de broŝuro estis je dispono al ĉeestantoj kune kun propagaj materialoj de FS.

En alia parto de la faka programo estis prezentitaj pli mallongaj prelegoj, sed ankaŭ interesaj - pri svisa feruta koridoro (E.Glättli), pri okcidenta ponto super Granda Belto akompanite per lumbildoj (J.Niemann), ne ofte prezentata temo pri bruo je fervojo (J.Giessner), pri planoj kaj problemoj de la nova fervojadministracio de Slovakia Respubliko (Inĝ. Feifičová) kaj pri filozofiaj vidpunktoj de la signalado por ŝoseouzantoj sur traknivelaj pasejoj (Inĝ.Kovář). Aldone estis prezentitaj ankaŭ kontribuaĵo pri projekto de tunelo

Ĉeĥio - Adriatiko (J.Tomíšek) kaj prezento de lumbildoj pri historiaj veturoj okazintaj sur ĉeĥoslovakaj fervojlinioj.

Sed ne nur per fakaj prelegoj okupiĝis la Faka Komisiono. Dum sia regula kunveno la partoprenantoj pritraktis gravan ŝanĝon, kiu estis prezentita jam en IF 3/93. La propono estis rekomendita por traktado de la plenkunsido kaj tie ĝi estis akceptita. La ŝanĝo temas novan organizon de la faka agado, vidu la artikoleton 'Du komisionoj unuiĝis'.

Dum la kongreso estis prezentita al la partoprenantoj la **dua numero de FERVOJFAKAJ KAJEROJ** kun interesa enhavo. (Ankoraŭ havebla ĉe L.Kovář aŭ H.Hauge). La Faka Komisiono volas tiamaniere starigi tradicion kaj riĉigi la programon de IFEF-kongresoj.

Sekretario por fake aplikaj aferoj de Faka Komisiono - L.Kovář

## Du komisionoj unuiĝis

Lunde, 7an de junio 1993 en 45a IFEF-kongreso okazis kunsidoj de Fake Aplika Komisiono kaj Terminara Komisiono. Ekster la raportoj de la oficantaj komisiongvidantoj, grava programero estis unuiĝo de ambaŭ komisionoj. Ja estas fakto, ke granda parto de komisionanoj interesiĝas kaj pri fake aplikaj kaj pri terminaraj aferoj, partoprenas kunsidojn de ambaŭ komisionoj. Ofte malfacilas trovi limon inter la du terenoj. Jam ĉiam ambaŭ komisionoj devis konfirmigi siajn taskojn. Sekve aperis propono, doni al la du agosferoj komunan gvidon. Dank' al preteco de d-ro József Halász, kandidati por la komuna gvidposteno, la propono estis realigebla. La unuiĝinta komisiono nomiĝas FAKA KOMISIONO (FK).

Tamen FK decidis, ke ĉiu kunlaboranto povas mem elekti, ĉu ŝi aŭ li volas labori je terminaraj, je fake aplikaj aŭ je ambaŭ aferoj. FK dispartigos la tagordon de siaj kunsidoj je la du agosferoj. Kun la gvidanto laboras du sekretarioj. Plue aperadas kaj la komunikilo "Terminara Kuriero" (TeKu) kaj la informilo "Fervojfakaj Kajeroj" (FFK).

La partoprenantaj komisionanoj elektis

- kiel gvidanton de Faka Komisiono: József Halász (Hungario)
- kiel sekretarion por terminaraj aferoj: Heinz Hoffmann (Germanio)
- kiel sekretarion por fake aplikaj aferoj kaj samtempe redaktoron de "Fervojfakaj Kajeroj": Ladislav Kovář (Ĉeĥio)
- kiel redaktoron de "Terminara Kuriero": Heinz Dieter Hartig (Germanio).

Nun necesas korekti la statuton kaj regularon. Gravaj aldonaj taskoj de Faka Komisiono estas

- kunlabori kun Internacia Fervojunio (UIC) en terminaraj aferoj laŭ ties laborprojekto kaj limdatigo,
- ekster aranĝo de fakprelegoj ankaŭ verkado de fakartikoloj.

Oni informis, ke intertempe aperis Nacilingvaj Vortaroj (NV) Esperanto/hungara, Esperanto/-germana kaj renverse. Inĝeniero Ladislav Kovář prezentis Fervojfakan Kajeron n-ron 2.

Heinz Hoffmann

**SENPAGA KONGRESA NUMERO DE "HEROLDO"**

Ni informas, ke la duobla aŭtuna numero de "Heroldo de Esperanto", kun detala ilustrita raporto pri la Universala Kongreso en Valencio, estos ekspedata senpage al ĉiu, kiu petos ĝin per simpla poŝtkarto al la redakcio de "Heroldo de Esperanto", Via Sandre 15, I-10078 Venaria Reale (Torino).

## REKOMENDO

de partoprenantoj de laborseminario "Sekurigaj instalaĵoj de traknivelaj pasejoj", 16a ĝis 17a de marto 1993 en Pardubice.

Partoprenantoj de la seminario konscias, ke fervojtrafiko devas esti maksimume ŝparema kun neceso de sekureco dum la trafiko. Dum la seminario estis prezentita problemaro en la fako de sekurigado de traknivelaj pasejoj kaj teknika koncepto de ilia konstruado.

La partoprenantoj decidis pri sekvanta rekomendo:

1. Kiam tion permesas lokaj kondiĉoj kaj estas eble pritrakti malkonstruon de la traknivela pasejo, iniciati publikjuĝan pritrakton de forpreno de la pasejo.
2. Sur fervojlinioj kun rapideco pli ol 120 km/h nepre ne konstrui novajn traknivelajn pasejojn.
3. En estantaj pasejinstalaĵoj anstataŭigi klasikajn bateriojn per senbontenadaj baterioj, kiuj estos surbaze de daŭriganta funkciada testado akceptitaj por uzo ĉe Ĉeĥaj Fervojoj.
4. En fervoja trafiko testi plenelektronikajn kaj kombinitajn trakpasejajn instalaĵojn kaj por praktika uzo enkonduki maksimume du tipojn de trakpaseja instalaĵo. Dum elektado sekvi la plej malgrandajn necesojn je antaŭvida bontenado (oni rekomendas dufoje dum la jaro).
   Dum elekto de nova teknika solvo de bariermoviga sistemo oni rekomendas samtempe testi la taŭgecon de uzado de renovigebla rompiĝsplinto por pasejbarieroj kun eventuala indiko.
5. Sur branĉlinioj testi vagonsensorojn por regado de trakpasejoj forigantajn problemojn kun certigo de ŝuntada sentemeco kaj malgrandiĝantajn eblecojn de forŝtelado de kuprometaloj.
6. Laŭ lokaj kondiĉoj konstrui sur branĉlinioj signalilojn kun kondiĉsignalo "Fajfu" aŭ pasejsignalilojn por altigi la trafiksekurecon anstataŭ konstruado de kontrolŝrankoj.
7. Unuigi la signalon "Trajno proksimiĝas" al pasejsignalilo kun fervojadministracioj de ÖBB kaj DB.
8. Sekvi la evoluon de teknika solvo de signalo por partoprenanto de survoja trafiko informiganta ĝin pri tio, ke pasejinstalaĵo ne funkcias. Samtempe sekvi pligrandigon de rezisto de instalaĵŝranko kontraŭ veterinfluo.
9. Sekvi evoluon kaj laŭvican enfunkciadon de instalaĵoj por registrado de funkcistatoj de pasejinstalaĵoj.
10. Dum aplikado de la supre menciitaj rekomendoj principe preferi tiujn solvojn, kiuj necesas pli malgrandajn ekonomiajn elspezojn dum la tuta vivdaŭro de la instalaĵo (oni opinias per tio sumon de investaj kaj funkciadkostoj) kaj uzadi instalaĵojn kun malaltaj bezonoj por homlaboro kaj energio.

En Pardubice 17an de marto 1993.
Ing. Kovář Lad.

## Esperanto kaj la 21a jarcento

Kolokvo 16an kaj 17an de oktobro 1993 en **Mittelwihr** (apud Colmar), Elzaco, Francio.

Interkonsente kun Tutmonda Asocio de Konstruistoj Esperantistaj (TAKE) Orientfranca Esperanto-Federacio organizos la kolokvon kun la temo 'Esperanto kaj la 21a jarcento'.

TAKE nune realigas komercan analizon de Unuiĝo Franca por Esperanto, kies rezultoj estos prezentataj unue en Mittelwihr. TAKE ambicias proponi **modernajn merkatesplorajn metodojn adaptitajn al Esperanto**. Oni deziras akcenti la rolon de la fakasocioj en la disvastigo de Esperanto.

Informoj kaj aliĝoj ĉe: S-ro Bruno Schmitt, Bambois, F-68650 LAPOVTROIE, Francio.

## Alvoko komprenita

En IF 1993.1 aperis alvoko de la franca landa asocio de IFEF (FFEA), viziti grupon "cele al parolo kun la novaj membroj". Mi kaptis la okazon, ĉar mi havis disponeblan tempon, tre ŝatas paroli Esperanton, ĝojas pri progresoj en varbado de novaj gesamideanoj kaj antaŭe neniam estis en Francio. Meze de marto mi proponis min kaj jam la 19an de aprilo mi alvenis en Parizo (kore akceptita kaj gvidita de mia nuna amiko Guy Delaquaize sub Parizo ĝis la SNCF-stacio Montparnasse), daŭrigis la vojaĝon per TGV al Le Mans. Tie min bonvenigis Max Lainé, la gvidanto de la Mansa grupo.

Jam vespere estis granda honoro por mi, transdoni al sukcesintoj de E-kurso 1a-ŝtupa la diplomojn. Estis plenkunveno, kiu okazas ĉiumonate. Mi havis la anoncitan eblecon, paroli kun la novaj geesperantistoj, kiuj la unuan fojon interparolis kun eksterlandano en Esperanto. Kaj ili kuraĝis esprimi sin preskaŭ sen franclingva helpo. Je la dua tago estis pikniko, kie mi denove babilis kun la novaj membroj.

Kulmino estis la kunveno de ĉiuj 3 kursoj la 21an de aprilo. Laŭpete mi rakontis pri la germana ĉefurbo Berlino (de kie mi venis al Le Mans), pri la nuna vivo en ĝi kaj en Germanio sub la kondiĉoj de reunuiĝinta lando. Poste sekvis multaj demandoj, ankaŭ de la komencantoj. Mi tre ĝojis, ke ili bone komprenis mian parolon. Mi povis konstati, ke mia ĉeesto helpis al ili esti pli kuraĝaj apliki Esperanton parole kaj skribe. Certe kelkaj el ili tuj komencos korespondi (facilvorte, modeste, poŝtkarte).

Matene la 22an de aprilo mi revojaĝis hejmen kun la konstato, ke ni fariĝis granda familio esperantista. Mi tre kore dankas al ĉiuj membroj de la Esperanto-grupo Le Mans kaj speciale al miaj grandanimaj gastigantoj Lainé kaj Manouvrier, kiuj min regalis ne nur per tre bonaj manĝaĵoj kaj trinkaĵoj, per tre agrabla loĝigo familia kaj konatigo al aliaj, sed ankaŭ per ŝoforado kaj gvidado al multaj vidindaĵaj lokoj en Le Mans kaj ties ĉirkaŭaĵo. La tuta grupo eĉ prezentis al mi komunajn donacojn.

Mi havas la impreson, ke mia vizito ĉe ili estis agrabla por ambaŭ flankoj kaj sukcesa por la novaj membroj.

Horst Theurich el Berlin/Germanio


Korajn salutojn de la germanaj Esperanto-fervojistoj

## Fakdelegitoj de UEA pri fervojoj

Aperis la Jarlibro 1993 de UEA. Laŭ ĝi (kaj laŭ la nombrado de red) ekzistas en 54 lokoj en 18 landoj 59 fakdelegitoj pri fervojoj, enkalkulante 1 pri publika transporto kaj 1 pri modelfervojoj.

Laŭnombre Germanio kaj Hungario estas ĉe la pinto, kaj ŝajnas, ke pluraj aliaj landoj povus per fortostreĉo altigi la nombron.

La IFEF-estraro opinias, ke gravas, se ni tiel montras intereson pri nia fako en la ĝenerala Esperanto-movado.

Eble tiu tereno povas eniri la agadplanon de la landaj asocioj (relegu la artikolon de la IFEF-prezidanto: Agadplano, sur paĝoj 36-37 de IF 1993.3). ■

## 35a Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno (IFES)

Rumanio estos la gastiganta lando de la 35a IFES. La loko estas **Polana Brašov** preskaŭ centre de la lando. La datoj estas 5a-12a de februaro 1994. Limdato por aliĝi estas 15a de septembro 1993, do pensu kaj agu rapide.

Aliĝilon havigu ĉe via landa asocio. Organizanto: Rumana Esperanto-Fervojista Asocio, Regionala CFR, str Politehnicii Nr 1, Ro-2200 Brašov, Rumanio.

La hotelo, kiu gastigos la partoprenantojn, nomiĝas "Intim" kaj povas akcepti 50 gastojn. Ĝi havas nur dulitajn ĉambrojn kun propra banejo kaj necesejo, televidaparaton kaj telefonon. Tranoktado kun duonpensiono po 20,- USD (por partoprenontoj el reformlandoj ekzistos ebleco tranokti en gastĉambro de la stacidomo. Bv informiĝi ĉe la organizantoj.



Polana Brašov havas skivojojn por ĉiu speco de skianto, kaj la kostoj de skiinstalaĵoj estas multe pli malaltaj ol en alia lando. Rumanio estas ano de la FIP-konvencio.

Eblos longigi la restadon en Poiana Brašov per skriba anonco, aŭ deklaro tuj ĉe alveno.

REFA gastameme atendas vian partoprenon al la 35a IFES.

■




**46a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)**

13a-20a de majo 1994
KREMS a d Donau, Aŭstrio

| | |
|---|---|
| Adreso: | 46a IFEF-kongreso, Postfach 194, A-3101 ST.PÖLTEN, Aŭstrio |
| Bankkonto: | Bank Austria, Filiale Tulln, kto n-ro 467 567 400 BLZ: 20151 |
| Poŝtkonto: | PSK A-1018 Wien, kto n-ro 92.017.630 BLZ: 60000 |

## Modernaj Fervojoj - Komuna Eŭropo

**Novaj Impulsoj - ESPERANTO**

**Venu al ni - restu unu semajnon en la koro de Eŭropo !!**

Post ĉirkaŭ 20 jaroj Aŭstrio denove estos gastlando por la IFEF-kongreso. La gekolegoj, kiuj rememoras pri la kongreso en Villach 1975, scias ke nia LKK denove klopodos aranĝi belajn tagojn en Aŭstrio.

En Villach partoprenis 675 gesamideanoj, kvankam la ekonomia kaj politika situacio en tiu tempo estis pli komplika ol la nuna (komplika akiro de vizoj, devizaj problemoj ktp).

Tial ni invitas vin, ke vi nun utiligu la okazon por propraj novaj impulsoj - en la nova eŭropa situacio. Poste ni povos apelacii ankaŭ al

la oficialaj instancoj akcepti Esperanton. Ni proponas kunpreni ankaŭ viajn nefervojistajn gesamideanojn – la bela regiono de Wachau [vaĥaŭ] atendas vin.

Krems apud la Danubo estas la korloko de tiu regiono, kaj vi povos ankaŭ uzi la vojon apud la Danubo per biciklo. En ĉiuj stacidomoj de ÖBB oni povas lui biciklojn – la kostoj ne estas altaj, kaj vi povos redoni tiujn biciklojn denove en ĉiuj ÖBB stacidomoj. Kongresu foje alimaniere!

En Aŭstrio ekzistas 9 liglandoj, la plej granda estas MALSUPRA AŬSTRIO (N.Ö.), kies norda najbaro estas Ĉeĥio, la orientaj Slovakio kaj Hungario. En N.Ö. oni povas viziti multajn antikvajn vidindaĵojn kaj kulturajn aranĝojn.

La regiono NIBELUNGENGAU – WACHAU estas tre bela parto de N.Ö.

Nia 46a IFEF-kongreso estos la unua impona internacia Esperanto-aranĝo en Malsupra Aŭstrio. Mi, kiel ano de Malsupra Aŭstrio, tre ĝojus, se multaj gesamideanoj partoprenus, kaj la tuta LKK klopodos fari vian restadon plena de sukcesoj kaj memoraĵoj.

**Nun jam kelkaj informoj rilate alveturon:**

La partoprenantoj, kiuj trajne veturos de la okcidenta parto de Eŭropo, atingos Krems trans la ĉefurbo de N.Ö. – St.Pölten (ĉeflinio Salzburg – Linz – Wien West).

Se vi veturos trans Vieno, vi povos elekti vojon trajne trans Wien Nord (Praterstern) aŭ per ĉeflinio Wien Franz-Josefsbahn (Wien Franzjosefbahnhof – Tulln – Krems).

En la okcidenta linio (Westbahn) ĉiuj IC- kaj EC-trajnoj haltas en St.Pölten Hbf.

Sed vi ankaŭ povos uzi DDSG-ŝipojn por via alveturo al Krems (de Linz aŭ Vieno).

Kongresinformejoj estos en St.Pölten Hbf (kajo 1) kaj Krems; ili funkcios de vendredo posttagmeze ĝis sabato vespere.




Tiuj, kiuj veturos per aŭtomobilo sur A 1, elveturos en Knoten St.Pölten el la aŭtostrado kaj veturos sur la "rapidstrato" S 3 al Krems, elveturos en Krems Mitte al la "Zentrum".

La vojo al la kongresejo estas indikita per verdaj ŝildoj "MESSEGELÄNDE". Tie estos la kongresejo.

Ni petas la geinteresulojn aliĝi baldaŭ, ĉar la hoteloj en la proksimo de la kongresejo limigis la daton por rezervigi.

Pri la transsendo de la mono al ni, ni atentigas vin, ke la sendkostoj estas malpli altaj, se vi uzos la poŝtkonton! Aliajn informojn vi ricevos ĉe via landa asocio de IFEF, ĉar ni organizos – ĉefe por orienteŭropaj IFEF-anoj, specialan helpon!

**Grava informo en lasta minuto:**

LKK decidis, ke **familianoj aŭ gejunuloj** ĝis 30a jaro pagas kiel kongreskotizon ATS 300. Pro tio ni petas vin, korekti tion en la **flava aliĝilo** mane. En la novaj **(rozkoloraj)** aliĝiloj, kiujn ni forsendas fine en julio al la landaj asocioj, la prezo jam estas korektita.

Franz Scharf, LKK-prezidanto

## Ni funebras



Nia plej aktiva membrino **Hanna Schindler** el Schwelm forlasis nin je 29a de junio 1993 tute neatendite post mallonga malsano.

Hanna Schindler vojaĝis kun edzo Heinz Schindler preskaŭ tra ĉiuj kontinentoj kaj trovis multajn geamikojn per helpo de ESPERANTO. Ŝi varbis por GEFA multajn gemembrojn. La 5.7.1993 tre multaj esperantistoj akompanis ŝin sur la lasta vojo en Schwelm al la tombejo. Por GEFA parolis Otto Rösemann adiaŭajn vortojn kaj ni ĉiuj parolis al Heinz Schindler sinceran konsolon.

**Hanna Schindler, ni neniam forgesos vin!**

Kondolencadreso: Heinz Schindler,
Max-Klein-Str 21, D-58332 Schwelm.

Erhard Herlitze

IFEF elkore kondolencas al s-ro Heinz Schindler, kiu sen sia Hanna supozeble ne estus povinta fari la grandan laboron por GEFA kaj por IFEF, kiun li faris.

Ke Hanna Schindler ripozu en paco.

■

## Rememoro de Hélène Mousset



Kortuŝite ni ambaŭ eksciis kun granda ĉagreno pri la forpaso de **Hélène Mousset**. Niajn kondolencojn ni sendas al Pierre Mousset kun familio kaj al geamikoj de FFEA, ankaŭ en la nomo de tuta IFEA.

La meritoj kaj la agadoj de Hélène estis en la historio de la franca fervojista Esperanto-movado kaj de la tuta IFEF. Guy Delaquaize kaj Pierre Robiolle jam skribis pri tio en 'esperanto-fervojisto'.

Ni volas nur adiaŭi kaj memorigi Hélène per la ĉi-apuda foto, farita kiam ni ekkonis ŝin en Lindaŭ okaze de la 4a IFEF-kongreso en majo 1952, do antaŭ 41 jaroj.

La historia foto montras Hélène apud la iama prezidanto de IFEF Stapel inter italaj gekongresanoj.

IFEA (Itala Fervojista Esperanto-Asocio) havis dum la Lindaŭa kongreso du prezidantojn: d-ro Spadafora el Verona (en la mezo supre) forlasante la postenon kaj kav.Zacconi el Bologna (unua maldekstre), kiu prenis la prezidan postenon de IFEA ĝuste en Lindaŭ.

D. kaj G.Gimelli

INTERNACIA FERVOJISTO
1993.4
45a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

Redakcio:
E Henning Olsen,
Åderupvej 182,
DK-4700 Næstved.
Tel +45 53 72 73 77.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretario:
D-ro Romano Bolognesi,
Via Misa 4,
I-40139 Bologna.

Kasisto:
Henning Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

Dana poŝtĉekkonto:
1 25 80 36, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj).

Dana bankkonto:
7353-350550, Den Danske Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

Svisa bankkonto:
471-02, Thurgauische Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

Svisa poŝtĉekkonto:
CH 85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

Redaktofino por la venonta IF: 20.08.1993

Presejo:
Gefion Tryk Næstved A/S



La kvarteto, kiu ludis dum la inaŭguro de la 45a IFEF-kongreso en Cervia, Italio.

## Niaj jarkunvenoj kaj aliaj aranĝoj

### Pollando

10a-12a de septembro okazos la 10a kongreso de Polaj Fervojistoj-Esperantistoj en urbo Tarnowskie Góry en la kvartalo Miasterzko Slaskie (kaj tiel normiĝas ankaŭ la plej proksima fervojstacio). La programon konsistigas i a inaŭguro, plenkunsido kun elektoj, vizito en stacio Tarnowskie Góry, fakprelegoj, meso, manĝoj kaj balo. Informoj kaj aliĝo ĉe ges-roj Szmatloch, str Chopina 27 b/7, PL-42-606 Tarnowskie Góry, Pollando.

### Ĉeĥio

17a-19a de septembro en Ĉeska Lipa. Informoj kaj aliĝo ĉe Jindřich Tomišek, CZ-751 18 ŘIKOVICE, Ĉeĥio.

### Rumanio

17a-19a de septembro en Braŝov. (Samtempe okazos la ĝenerala asembleo de la rumana sekcio de FISAIC). Krom oficiala laborkunsido okazos akcepto ĉe distriktaj estroj, ekskurso al kastelo Bran, vizito en urbo Sibiu kaj surpriza programo. Gastigado kaj manĝado 50,- DEM. Transporto kaj enirpago aparte. Informoj kaj aliĝo ĉe Rumana Esperanto-Fervojista Asocio, Regionale CFR, str Politehnicii 1, Ro-2200 BRAŜOV, Rumanio.

### Germanio

08a-10a de oktobro en Titisee (Nigra Arbaro) okazos la 37a jarkunveno de GEFA. Informoj kaj aliĝoj ĉe Hans-Jürgen Riehn, R.-Dehmel-Str 3, D-67061, LUDWIGSHAFEN (Rh).